# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO




**Oficiala organo de T.A.G.E.**

17-a jaro. No. 6-a. 1938-a



## Abonprezo de I.P.R.

La abonjaro daŭras de la 1-a de januaro ĝis jarfino. La prezo por unu tuta jaro estas 2.50 ned. guldenoj (inkluzive aneco de T.A.G.E.) Ek de la 1-a de julio ni akceptas ankaŭ duonjaran abonon je 1.25 ned. guldenoj.

Por la abonkotizo estas sendota el:

| | | |
|---|---|---|
| **Britujo** | 5.— | ŝil. |
| **Belgujo** | 37 | fr. |
| **Ĉeĥoslovakujo** | 20 | ĉ. kr. |
| **Danujo** | 6 | kronoj. |
| **Francujo** | 25 | frankoj. |
| **Germanujo** | 4 | markoj. |
| **Hispanujo** | 12 | pes. |
| **Hungarujo** | 7 | peng. |
| **Jugoslavujo** | 50 | din. |
| **Latvujo** | 5 | latoj. |
| **Norvegujo** | 6 | kron. |
| **Polujo** | 8 | zlotoj. |
| **Rumanujo** | 180 | leoj. |
| **Svislando** | 5 | frank. |
| **U. S. A.** | 1.50 | dol. |

Kiam vi sendas la kotizon rekte al la administracio, ni petas vin :

1) Pagu, se eble, pere de la poŝtĉekkonto No. 9715. Nederlando.

2) Ne sendu poŝtmarkojn.

3) Sendu papermonon en registrita letero.

4) Se vi preferas kuponojn, sendu 16 poŝtajn respondkuponojn por tutjara abono.

5) Skribu tre legeble nomon kaj adreson.

---

## Agentoj de T.A.G.E.

**Angla:** F-ino V. C. Nixon, 183 Woodlands Park Road, BOURNVILLE. Birmingham.

**Alĝera:** Jean Delor. Professeur au Collège de garçons. TLEMCEN. (Dep. Oran)

**Aŭstralia:** H. M. Lanyon, Harrow St,, Box Hill E 11. MELBOURNE. (Victoria)

**Belga:** H. Rainson. Hombeekschesteenweg 54. MECHELEN.

**Bulgara:** Ivan Valĉanov, Ljuben Karavelov. 40. SOFIO.

**Ĉeĥoslovaka:** Th. Kilian, TREBIĈ, Komerca Akademio poŝtĉekkonto Brno Nr. 114.322. B.

**Ĉina:** Chang-Ching-Chiu, 27 Ta-Shin-Street, JUNNAN FU.

**Ĉilia:** E. Herrera Valen. Clasificador C. 220. SANTIAGO.

**Dana:** Kn. Aa. Andersen. ONSILD. Poŝtĉekkonto : No. 55673.

**Estona:** Ain Vahuri. VIRU-KABALA.

**Franca:** G. Chatelain, ARGENCES, (Calvados) Poŝtĉekkonto : 17606 Rouen.

**Greka:** D-ro A. Stamatiadis. Rodou 21. ATENO.

**Hispana:** Ferd Montserrat. Str. Provenza. 75—2—3. BARCELONA.

**Hungara:** Bleier Vilmos. Soroksári ut. 38-40. V. 6. BUDAPEST. IX.

**Japana:** Joshi H. Ishiguro. TOKIO. Daita II. 784 Setagaya. Poŝtĉekkonto : Tokio 62061.

**Jugoslava:** Peter Golobiĉ JESENICE, FUZINE.

**Kanada:** Aleksandro. E. C. N. 223 Blaine Lake. SASK.

**Latva:** S-ino O. Juŝen. Slokas ielä N. 112. dz. 1. RIGA.

**Litova:** Mok. A. Prapuolenis. IŜLAŬZAS. paŝt. ag.

**Nederlanda:** J. Hogenkamp, Hoofd der School, 2e Exloërmond (W.). (Pagi al van Hage.

**Nederlanda Hindujo:** K. Gorter. Soekalilah. 14, CHERIBON.

**Pola:** Józef Migacz. Dlugosza 2. NOWY—SACZ. Poŝtkonto No. 406284.

**Sveda:** estraro de S.I.E.F.

**Svisa:** Vakanta.

**U. S. A.:** David R. Metzler. Route 1. Box 389. FRESNO. California.

kaj :

**Amerika Esp. Instituto.** 1111 Brooke Road. ROCKFORD. ILLINOIS.

El landoj sen agentoj mono estas sendota rekte al la adm. Agentojn por tiuj landoj ni serĉas.

Ni urĝe petas novan agenton en Svisujo, kaj en Norvegujo.

---

En **SVEDUJO** oni sin anoncu al la sekretario de la T.A.G.E. sekcio (S.I.E.F.)

S-ro **Fritiof Ahnfeldt. Inglatorp, Torskors.**

---

Presita de Elektr. presejo T. K. KREMER, Sappemeer.

// INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO
17-a jaro (Numero 6) 1938.

Oficiala Organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Adreso por redaktado kaj administrado:
T.A.G.E.-oficejo, Schoolstraat 13. Veendam. (Nederlando.)

Prezidanto de TAGE: W. RUSSELL HAMILTON. The Grammar School HEMSWORTH: Nr. Pontefract, Yorksh. (Anglujo).
Sekretario: K. H. SPORTEL. Nieuw-Scheemda (Gron.) (Nederlando).
Kasisto: A. VAN HAGE. Zuidwending. Veendam (Nederlando). Poŝtkonto No. 9715.

Korespondoficejo: K. H. SPORTEL, Nieuw-Scheemda (Gr.) (Nederlando).

# Nova vojo?

Nun, kiam mi skribas ĉi tiujn liniojn por I. P. R., la jaro estas finiĝanta: la sesa jaro, post kiam ni, en Nederlando, prenis sur nin la gvidadon de T.A.G.E., el la manoj de niaj germanaj kolegoj, kiuj ne plu povis labori en tiu direkto.

En ĉi tiuj 6 jaroj ni faris nian eblon pligrandigi, kaj precipe pligravigi, nian asocion. Ni laboris kun plena sindono, ofte sub tre malfacilaj cirkonstancoj. Ie kaj tie, en kongresoj, oni laŭdis tion, kion ni faris; oni aprobis la redaktadon de nia organo k.t.p. Kompreneble, ankaŭ mankoj kaj eraroj estis konstateblaj. Kial ne? Sed sciu, ke ĝuste ni mem, ni laborkomitatanoj, akre sentas la mankojn, klare vidas, ke ni ne atingis tion, kio fakte estas atingebla, aŭ devas esti atingebla.

Dum ĉi tiu forpasanta jarfiniĝo mi sidas, meditante antaŭ la „morala" bilanco de nia asocio. Multan penadon mi vidas unuflanke; malmultan sukceson aliflanke: rezultatojn post 6 jaroj, plenaj de bona volo kaj timplenaj esperoj.

Kiel? Kial??

Ĉu kulpas iu? iuj? io?

Mi havas la absolute certan konvinkon, ke instruista asocio de esperantistoj nuntempe povos nombri sian anaron per centoj, eĉ miloj.

Ĉu la vojo, kiun ni iras, ne estas la ĝusta?

Ni bazis nian laboron sur jenaj, al vi konataj, fundamentoj:

1. Influriĉa, internacia organizo de geinstruistoj esperantistaj estas necesa.

2. Nuntempe, almenaŭ provizore, tia organizo estu universala.

3. La organizo, unualoke, prizorgu la kontakton inter la anoj pere de asocia organo.

Ĉie, en la esperanto-movado, la laboro por enkonduki Esperanton en la lernejon staras en la centro de atento. Por atingi sur tiu

kampo konsiderindajn rezultatojn, komuna celkonscia penado estos necesa. Kaj unualoke la esperantistaj gekolegoj, *ĉiuj*, devas kunlabori, ĉar ili estas la personoj, al kiuj poste la lernejaj aŭtoritatuloj petos la efektivigon de la instruado. Miloj da tiaj gekolegoj ekzistas, dise en la mondo. Sed tiu kvanto ne estas videbla, ne sentebla! *Tamen niajn aŭtoritatulojn certe tiu kvanto impresos.*

Krome, miaopinie, demonstracio de granda amaso da geinstruistoj esperantistoj, kiuj deziras eduki la junan generacion por paco, amo kaj interfratiĝo, ne „tute" estus superflua bagatelaĵo. Sincere: ĉu ĉiu vera esperantisto ne estas „edukisto" laŭ la plej bona senco de la vorto, kaj ĉu ĉiu konscia edukisto ne estas plej profunde en sia koro, „esperantisto" laŭ la ideo de la Majstro?

Kie estas tiuj miloj de tiaj popoledukistoj? *Dise en la mondo, ĉiu baraktante por si mem!* Kial ili ne etendas la manon unu al la alia? Ili ĉiuj povas interrenkontiĝi sur universala tereno, postlasante proprajn dezirojn kaj tendencojn, agonte por unu komuna celo. Tio devas esti efektivigebla, nun kiam ni ne estas sufiĉe fortaj por formi apartajn grupojn.

*Kune* ili aŭdigu sian voĉon, konigu siajn postulojn kaj plivastigu sian scion pere de komuna organo.

Sed T.A.G.E. ne sukcesis grupigi sufiĉe da gekolegoj por amasa demonstracio. Tamen ankaŭ iu alia organizo ne!

*Kie la kaŭzo?*

Mi ne volas fini ĉi tiun jaron, ne dirinte suprajn vortojn. Kaj mi aldonas: ĉu vi scias tiun kaŭzon? *Vi kunkulpos, se vi silentas!* Diru malkaŝe, kion vi pensas. Ankaŭ vi faru bilancon. Se vi opinias, ke la nuna laborkomitato kulpas, ne silentu. Ĝi provos plibonigon se ĝi povos; kaj se ĝi ne povos, ĝi volontege forlasos la seĝon, transdonante la postenon al alia. Ĝi nur celas la bonon de la instruista movado, kaj ĝojos pri ties prospero, kia ajn kaj pere de kiu ajn. Antaŭan jaron mi skribis, ke per la helpo de ĉiu nuna ano, T.A.G.E. povos akiri pluajn centojn da membroj. Sed la sukcesoj estis minimumaj. Do, tiu vojo eble estis tro kruta. Ni reklamis kaj propagandis tiom, kiom niaj rimedoj permesis. Ankaŭ tiu vojo montriĝis dornplena.

Ni klopodis veki la intereson per pli da servoj al niaj anoj; sed tia vojeto ankaŭ ne estas tute ebena.

*Gekolegoj, kion vi farus, se vi sidus sur nia seĝo??*

Montru vi vojon, antaŭ ol la marŝado por ni estos tute neebla. Kaj ne silentu! Ni ankoraŭ ne laciĝis, sed sciu, ke daŭra grimpado kaj serĉado de vojo finfine absolute konsumos ĉiun emon kaj energion.

Helpu vi, kaj ne staru flanke de la vojo, rigardante indiferente nian penadon.

Ni opinias, ke ni ankoraŭ, eble lastfoje, trovis sufiĉe bone ireblan vojon, kaj plenaj je esperoj kun nova energio ni metis la unuan paŝon.

Aŭdu! I.E.L., la Londona internacio, agnoskante la neceson de forta instruista organizaĵo, petis kunlaboron kun ni sur ĉi tiu kampo. Post kelka korespondado ni havis la plezuron persone renkonti en Hago S-ron Goldsmith, la ĝeneralan sekretarion de I.E.L. Niaj interparoladoj rezultigis iun formon de tia laboro, pri kio ni ĉi sube proponas al vi la simplan skemon, opiniante, ke vi povos aprobi ĉi tiun klopodon.

Ni intencas peti al la aliaj internacioj: S.A.T., I.K.U.E. kaj K.E.L.I., se eble, saman kunlaboron. Tiamaniere T.A.G.E. povos fariĝi universalan medion por diverstendencaj gekolegoj, varbitaj per siaj propaj organizoj. Tiaj varbitoj ĝuos favoran kotizon, kio ne ekskluzivas jam ekzistantan favoran tarifon por kelkaj landaj sekcioj kaj grupoj.

Laŭ ĉi tiu vojo ni esperas, ke ni povos atingi pli multe da gekolegoj ol ĝis nun, kaj ke ni povos penetri tien, kie ĝis nun ,,obstinaj baroj" malpermesis iradon.

La varbado, pli facila! Sed precipe al vi, kara membro de T.A.G.E., mi denove petas vian helpon.

Ĉu tiu ĉi vojo montriĝos efika? Ni esperu! Ĝi povos esti tia, se ĉiuj gekolegoj komprenos la gravecon de nia instruisto movado.

La parolo nun estas al vi! Al vi ĉiuj mi deziras novan jaron tian, kia vi ĝin esperas, kaj al nia T.A.G.E. . . . . . unualoke . . . . milon, *almenaŭ milon,* da anoj. P. KORTE.

---

# Interkonsento.

farita je la 1a de decembro 1938 inter **Internacia Esperanto-Ligo** (I.E.L.) kaj **Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj** (T.A.G.E.), laŭ kio estas interkonsentite ke:

1. La du Asocioj faros sian eblon helpi unu al la alia rilate la komunajn celojn.

2. T.A.G.E. faros sian eblon instigi siajn membrojn aliĝi al I.E.L. kiel individuaj membroj, kaj I.E.L. siaflanke instigos la geinstruistojn, anojn de I.E.L., aliĝi al la faka asocio T.A.G.E.

3. I.E.L. presigos en sia Jarlibro informon pri T.A.G.E. kaj laŭeble presigos en siaj gazetoj komunikaĵojn pri tiu Asocio.

4. I.E.L. aranĝos akcepti kotizojn por T.A.G.E. po la favora tarifo du guldenoj pere de siaj ĉefdelegitoj kaj Perantoj en la landoj, kie T.A.G.E. tion deziras; el tio la Ĉefdelegito aŭ Peranto de I.E.L. ricevos dek procentan kompenson kaj la Centra Oficejo de I.E.L. dek procentojn. La ceteran parton oni apartigos por T.A.G.E. en la libroj de I.E.L. kaj pagos ĝin al T.A.G.E. kiam petite. I.E.L.

ĉiam senprokraste informos T.A.G.E. pri ricevitaj kotizoj kaj pri la adresoj de la pagintoj.

5. La nuna kontrakto ne plu validas se unu el la kunkontraktintaj partioj ne deziros daŭrigi ĝin. Tiuokaze trimonata averto estos necesa.

---

# La Nacia Kongreso por Esperanto en la Lernejoj,

en Hago, Nederlando, la 5an de novembro.

En no 5a ni anoncis ĉi tiun gravan kongreson, kaj ankoraŭ povis komuniki, ke ĝi estis plena sukceso. 1500 viroj kaj virinoj el ĉiuj regionoj de la lando, de ĉiaj politikaj tendencoj kaj religiaj konfesioj, plenigis la grandan salonon de la „Zoologia Ĝardeno", kiu estis ornamita per flagoj.

Por ĉiu Esperantisto estis granda ĝojo, vidi en la vasta salono tiun entuziasman homamason, kiu ĉi tie kunvenis por la idealo de tutmonda, tuthomara interkompreniĝo. Multaj portis la stelon, sed ankaŭ tre multaj (ankoraŭ) ne Esperantistoj, tamen simpatiantoj de la ideo ĉeestis.

Post la malfermo de la prezidanto, S.ro P. W. Baas, parolis unue D.ro F. C. Dominicus, profesoro ĉe la Komunuma Liceo en Hago, pri la enkonduko de Esperanto en la mezlernejojn. Li menciis i.a. la eksperimentojn faritajn pri la instruado de Esperanto en diversaj lernejoj, kiuj brile sukcesis, kaj ankaŭ rakontis pri la helpo, kiun al li donis Esperanto dum liaj vojaĝoj.

La dua oratoro, S.ro H. C. van Leeuwen, estro de biblia lernejo, demandis, ĉu oni povu enkonduki Esperanton en la elementan lernejon. Ne, li diris, ne, en lernejon, kiun ni havas nun, kun tro ŝarĝita instruplano, kie el la infanoj oni faras papagojn. Sed la lernejo devas instrui por la vivo! En la estonta lernejo, kun nova instruplano, oni en la 4a lernjaro komencu per Esperanto-konversacio, kaj en la 6a jaro per korespondado.

Tiam D.ro Gerlach N. J. H. Royen, profesoro ĉe la Universitato de Utrecht, ironie rakontis pri „lingvo-mirakluloj", kiuj regas „perfekte" tri, kvar aŭ cent (!) lingvojn. Poste li demonstris, ke en diversaj regionoj de la mondo naskiĝis „mikslingvoj" kiel Hindostani k.t.p. Do kiel kondamni Esperanton kiel „mikslingvo", kion oni ofte faras?

La lasta oratoro, S.ro Th. J. Thijssen, parlamentano kaj ĉefestrarano de la Ligo de nederlandaj instruistoj, plendis pri la rezulto el la instruado de fremdaj lingvoj. Sed, lernante Esperanton,

oni uzas sian nacian lingvon pli korekte, kaj pli facile lernas aliajn lingvojn. Nun estas tempo, enkonduki Esperanton en la lernejon, eĉ kiel devigan fakon. Esperanto ne nur estas lingvo, sed grava kulturfaktoro. Ĝi estas tute laŭtempa, kaj donas grandan feliĉon al multaj. Ĉar ĉi tie kunvenis tiom da homoj, oni povas diri, ke jam la amaso komencas postuli Esperanton.

Poste la prezidanto dankis la parolintojn, kaj komunikis, ke 110 simpati-esprimoj kaj salutoj al la kunveno alvenis el 21 landoj, ĉiuj skribitaj en unu sama lingvo!

Fine estis unuanime akceptata tiu rezolucio:

La Nacia Kongreso por Esperanto ĉe la Instruado, okazinta la 5an de novembro 1938 en Hago,

aŭskultinte la paroladojn de reprezentantoj de gravaj religiaj kaj politikaj popolgrupoj,

konstatinte la ĉiam kreskantan, kaj ankaŭ alilande sentatan bezonon je mondhelplingvo por la internacia trafiko,

konvinkite ke tio sen grandaj kostoj por la komuneco estos ebla,—

petas Registaron kaj Parlamenton:

1. akcepti Esperanton inter la fakultativojn instrufakojn, nomitajn en art. 2 de la Leĝo pri Elementa Instruado;
2. instruigi Esperanton en la institutoj por estontaj geinstruistoj.

---

Al S.ro E. C. N. Al., Blaine Lake, Kanado. Tiu ĉi raparto ankaŭ estas respondo al via peto de la 30a. de okt. Vi vidas, ke en Nederlando la afero bone progresas. La komitato „Esperanto ĉe la instruado" konsistas el organizaĵoj kun entute 100.000 membroj. Ĝi fervore laboras, kaj, esepereble, kun baldaŭa sukceso!

Se vi deziras pli da informoj, bonvolu skribi.

Red.

---

# La desegno-instruado en la elementa lernejo.

La metodo de RICHARD ROTHE.

Kiam vi vizitas la Muzeon de Instruado en iu lando, vi povos vidi, kiom da metodoj por la desegno-instruado ekzistas! Vi kapturniĝas pro la desegno-libroj, la multaj bildoj, modeloj k.t.p., ĉio metodoj, kiuj estas bazitaj sur la kopiado kaj kolorigado de bildoj. Ofte la rezulto estas sufiĉe bona, sed—ĉu la infano lernas ion? Ne!

Tion oni jam delonge konsciis, sed estas malfacile, ŝanĝi la instruadon, ĉar nur malmultaj libroj ekzistas, kiuj volas instrui laŭ pli moderna metodo.

Pro tio ni volas komuniki ion pri la metodo de Richard Rothe. Li diras, ke la rezulto de la ĝenerala desegno-metodo estas, ke preskaŭ ĉiuj plenkreskuloj ne, aŭ tre malbone, povas desegni. Pro tio, kaj ankaŭ, ĉar proksimume 90 % de la lernantoj estas sentalentoj, li komencis kolekti kaj pristudi desegnaĵojn, ankoraŭ ne influitaj de aliaj personoj. Li vidis, ke la disvolviĝo de la desegnado, la formado, estas bazita sur fiksitaj leĝoj, kaj devenas el la deziro, ŝanĝi substancojn aŭ materialojn. Pere de ludo kaj fantazio, de kontinua laboro, dum kio la etulo klopodas per iloj ŝanĝi la materialon (frapi, ĉarpenti, malkonstrui, k.t.p.), pere de la lernado kaj eksperimento fine la infano trovas la vojon al la ideo. El ĉi tiu laŭleĝa disvolvo rezultas, ke ĉiu homo povas lerni desegni (formi), se oni nur evoluigas la „primitivan talenton", kaj lernas „formi laŭ spertoj". Necese por tiu formado estas, ke oni libere kreskigas la talènton.

Du grandajn grupojn Rothe distingas, nome: la **„vidanto-tipon"** („Schauender Typus") kaj la **„konstruanto-tipon"** („Bauender Typus").




fig. I.

1. La „vidanto-tipo" (proks. 2 proc.)
   La rememorbildo estas farata per unu linio.
2. La „konstruanto-tipo" (proks. 98 proc.)
   La bildoj estas farataj fikse kaj simetrie, kvazaŭ ili estas konstruitaj el lignaj blokoj aŭ argilbuloj.

La „vidanto-tipo" estas la talentaj (2 %). Ili reproduktas la rememorbildon en *unu* linio. La „konstruanto-tipo", la sentalentoj, (98 %), esprimas la rememorbildon per fiksaj, simetrie formitaj buloj aŭ blokoj de materialo.

Laŭ tiu vidpunkto la antaŭe ĝenerala opinio, ke nur la talentaj povas plene disvolviĝi, tute ne estas ĝusta. Ja ne temas pri personoj kun *pli aŭ mal pli* da talento, sed pri *diferencaj* talentoj.

Rohte vidas en tiuj du tipoj du pratipojn de popoloj. La „vidanto-tipo" estas la reflekto de la nomadpopolo, kiu pro sia ekzistado devas koni la beston kun ties kutimoj kaj movadoj. En ĉi tiu rilato Rothe atentigas pri la agadplenaj rokdesegnaĵoj, kiuj troviĝas en Sudfrancujo kaj aliloke de pragentoj. Precipe la konturojn ili indikis.

En la „konstruanto-tipo" oni retrovas la homojn kun fiksitaj




fig. II. La „Primitiva gesto".
Nur la direkto estas indikata.

1. Floro : a. stelfloro.
   b. kloŝfloro.
   c. diskfloro.
2. Arbo.
3. Pino,
4. Homa figuro (vertikala).
5. Besto (horizontala).

loĝejoj. Ilia vivo estas ĉiama batalo kontraŭ la gravitacio kaj la ekvilibro.

Pro tio estas karakterize por la desegnaĵoj de la „konstruanto-tipo”, ke oni „konstruas” floron, beston aŭ homon simetrie per rektaj, fortaj linioj. (fig. I).

Oni povas gvidi la desegnadon de la lernantoj de la „vidanto-tipo”, se oni igas ilin kompari la desegnaĵojn kun naturformoj. Sed ni helpas la lernantojn de la „konstruanto-tipo”, donante al ili pli da materialo, „konstrumaterialo”. Ĉar en la lernejo ni preskaŭ nur havas la „konstruanto-tipon” (98 %), Rothe en sia metodo nur sekvas la evoluadon de ĉi tiu tipo.

En la komenca periodo la infanoj (de la „k.-t.”) nur perceptas la *direkton*. Tiel ekzemple la besto estas horizontala, kaj la homo estas vertikala.

La infano estas en la periodo de la primitiva gestado. Ĝi konas la floron kiel stel-floron (ekz. lekanteto), kloŝ-floron (tulipo), aŭ disko-floron (ranunkolo). Pri la arbo la infano scias: io supreniras kaj io flankeniras, sed kio tio precize estas, tion ĝi ne scias. Pri la kristnaska arbo ĝi rimarkas, ke io oblikve elstaras, k.t.p. Ĉiam ĝi serĉas la direkton („la primitiva gesto”, fig. II).

Kiam ni rimarkas en la infandesegnaĵo, ke konstrupartoj estas aldonataj, la infano estas en la sekvanta periodo. Nun ĝi vidas la valordiferencojn, perceptas la „edron”, kaj indikas tion per „atentigilo”. De la arbo la trunko estas la plej grava parto, la infano desegnas sur ĝi makulojn aŭ liniojn, kio signifas, ke la infano vidas ne nur la konturon, sed ankaŭ la enhavon.

Sur la korpo de la homo ni vidas punktojn: ne butonoj, sed punktoj, kiuj indikas la enhavon. Poste en tiu periodo de la „egal-pezo” (Gleichgewicht”) ĉio estas simetria. La floro montras la petalojn fikse, simetrie ĉirkaŭ la centro. (III, 1a). La arbo havas tiom da branĉoj dekstre kiom maldekstre. Ankaŭ la homa figuro kaj la besto ĉiam staras en ripoza stato. (III, 3, 4). Kelkaj partoj (ekz. brakoj aŭ kruroj), se ili ne petas atenton je iu momento, simple estas forlasitaj. La infano nur desegnas, kion ĝi bezonas por la reprodukto de iu impreso. Rimarkinde estas, kiel infanoj figuras diversajn bestojn per la sama formo, kaj nur aldonante aŭ forlasante specialajn „atributojn” formas alian beston.

Kompletigante la fiksajn bildojn, oni iom post iom kondukas la infanon en la sekvantan fazon. Kompreneble estas grave, kiujn sugestojn oni donas, kiel oni instigas la infanojn kaj kiel oni scias veki ilian intereson por la „objektoj”. Oni perfektigas la florojn, igante desegni ĉirkaŭ la unua krono da petaloj duan, poste trian, k.t.p. fig. III, 1b. Oni prenu diferencajn petalformojn, kaj kolorojn. La arbo iom post iom ricevas pli da branĉoj kaj folioj, ĝis la infano „rezignas” pri la ekvilibro. Ankaŭ oni povas ordoni: florantan arbon,

arbon kun fruktoj, k.t.p. (IV, 1, 2). Kiam la infano faras homan figuron, ni demandu: kio mankas? Tiel la infano lernas indiki orelojn, nazon, okulojn, brovojn. Sammaniere pri la besto ni petas kompletigon, ekz. voston, kolon, orelojn, kornojn, hufojn, rostron k.t.p.




fig. III. La esprimo pri la „edro" (Ekvilibro).

1. Floro: a. stelfloro.
   b. stelfloro kompletigita.
   c. klosfloro.
   d. klosfloro kompletigita.
2. Arbo: a. „entuta" arbo.
   b. per strekoj kaj makuloj la amplekso estas indikata.
   c. arbo kompletigita (per floroj, brancoj kaj fruktoj).
3. Homa figuro: a. la plej gravaj membroj estas indikataj. Multaj formoj variaj aperas
   b. la „tuto" estas pli bone indikata.
   c. la figuro kompletigita.
4. Besto: a. la infano distingas antaŭ-, malantaŭ-. supra- kaj malsupraflankojn,
   b. la besto kun la homa kapo.
   c. kaj d. profilformoj kompletigitaj.




fig. IV. Periodo de la movo.

1. Floro.
2. Arbo. a. desegnigi foliojn sur la kurbaj linioj.
   b. branĉo kun fruktoj.
3, Homa figuro: a. movo indikata per paperstrioj.
   b. sidpozo (ekz.argilo).
4. Besto: a. membroj kurbitaj.
   b. membroj „duonrompitaj".

La instruisto ne korektu! La eraroj estas indikoj de la grado de la evoluado, laŭ kiu ni preparas niajn taskojn. Ni ankaŭ ne modele desegnas, la evoluado estu libera. Ni ne povas devigi la infanojn al io, nur per niaj taskoj ni konduku ilin de unu grado al ilia. Per la perfektigo de la simetria formo ili lernas pli bone rigardi kaj ellabori la partojn. Ili kurbigas la pedunklon kaj la arbbranĉojn, kaj desegnas kurbiĝon en la membroj de homo kaj besto (fig. IV, 3, 4).

En tio stadio de la movo ĉiuj figuroj estas ebenaj („Flächenhaftigkeit"). Nur per la „movado" la infano post kelka tempo perceptas la „spacon". Por trovi la „movadon" la homa figuro estas tre taŭga. Desegnante membildojn kaj pupetojn kun mallongaj pantalonoj kaj manikoj la infano lernas, ke sur la loko de la artikoj estas „io", sed ĝi ankoraŭ ne scias precize kion. Komence ĝi certe

indikos la „movadon" per kurbiĝo en brako aŭ kruro, nur poste ĝi perceptas la artikon. Por tiu celo multe helpas argilo kaj paperstrioj. Precipe per paperstrioj (IV, 3,a) oni povas igi la infanon klopodi multe, kaj serĉi la solvon. Tre valore estas, montre fari movadon (kurbigi la kruron, la brakon k.t.p.), post kio la infano mem tion faras. La muskolsento en tio helpas la vid- kaj esprimpovon.

Ĉar la infano serĉas la bestformon el la homa figuro, ĝi desegnas la kurbitajn malantaŭajn piedojn de la besto kiel la kurbitajn krurojn de la homo (fig. IV, 4). Same kiel pri la homa figuro, ankaŭ pri la bildo de la besto ni ĉiam demandu la celon: Kial la kolo estas tiom longa? Ĉu la brakoj estas sufiĉe longaj? k.t.p. Per demandoj ni nun atentigas ĝin pri la tuta alia formo de la korpo, pri la vosto, pri la strukturo de la membroj k.t.p. Rothe nun montre desegnas la strukturon de la besto, la skeleton, en kiu li montras klare la lokojn de la genuo-, mano-, kaj kubuto-artikoj, tiel ke ĝi vidas per tiu „movad-maŝino", ke la besto estas konstruita alimaniere kaj sekve ankaŭ alimaniere devas movi sin ol la homo.

Klasifikante la bestojn en grupoj kaj familioj ni plurfoje karakterizas la beston el diversaj vidpunktoj. Rothe kondamnas tion kaj volas, ke la infano lernu koni la beston el *unu* vidpunkto, nome tiu de la „movado". La movadformon ni denove klarigu el la celformo, ekz.: Kio estas necesa por „kuranto"? Respondo: Gracila korpo, longaj piedoj, (tiam ankaŭ longa kolo), grandaj oreloj kaj okuloj, k.t.p. Nur poste Rothe igas kompari la „fantasia-kuranton" kun la „naturakuranto" en la zoologia ĝardeno (ekz. la cervo). Tiel la infanoj trovas multajn formojn (ekz. saltanton, ŝteliranton, rampanton, vojfaranton, „subakviĝiston" k.t,p.), kaj komparas ilin kun la bestoj el la ĝardeno aŭ el la naturo.

Treege malfacila transiro estas nun tiu al la 4a stadio, stadio de la perspektiva desegno. („Raumplastik"). Vere la infano, post la kompreno de la funkcio de la membroj, pli kaj pli desegnas la homajn figurojn en la bona pozo, sed la ideo „spaco" ankoraŭ ne ĉeestas. Tre forte pruviĝas la evoluado de la spacsento dum la desegnado de la pejzaĝo. Komence la infano ne scias, kion fari per la granda spaco de la papero, kaj desegnas domojn kaj arbojn, kiuj ŝvebas trans la papero (fig. V, I). Poste ĝi prenas la malsupran randon de la papero kiel bazon (fig. V, 2). Kiam ĝi desegnas bazlinion, la unua nebula sento por spaco venis, ĉar per la bazlinio la desegnanto ŝovas siajn objektojn sur la fonon (fig. V, 3). Poste ĝi faras plurajn liniojn unu super alia (fi. V, 4). Komence tiuj linioj nur estas plivastigo de la unua bazlinio, sed poste la objektoj sur la pli supraj linioj estas farataj pli malgrandaj ol tiuj sur la pli subaj, kio signifas: tio, kio estas pli malproksima, troviĝas pli alte (fig. V, 6).

Se la infano komencas desegni objektojn, kiuj parte kovras unu




fig. V. Evoluado de la spacsento.
1. Primitiva gesto (sen direkto kaj divido).
2. La suba flanko de la papero estas la bazo.
3. Oni desegnas linion kiel bazon.
4. Pluraj linioj unu super alia kompletigas la bildon.
5. La tiel nomataj „flanken-metodoj".
6. Kio estas malproksima, staras sur novaj linioj.
7. La objektoj estas desegnataj unu post alia („kulis-konstruado").
8. La tiel nomataj montperspektivoj.
9. Centra-perspektivo.

la alian, per kio ĝi volas diri, ke kelkaj objektoj estas „antaŭe", aliaj „malantaŭe", ĝi troviĝas en la sekvanta fazo, nome tiu de la tiel nomata „kuliso-konstruado" (fig. V, 7). Poste ĝi desegnas vojojn, kiuj „ŝovas" en la fonon, kaj ĝi trovas la „montperspektivojn", en kiuj perspektivo estas indikita, sed ĉiuj objektoj restas ankoraŭ videblaj (fig. V, 8). (tion ni povus kompari kun malnovaj landkartoj).

Tion la infano povas atingi sole, sed la centra-perspektivo devas esti instruata, ĉar pri tio la infano tute ne havas ideon (fig. V, 9).

Ankaŭ por doni al la infano pli bonan ideon pri proporcio kaj spaco, Rothe igas fari floron, arbon, beston kaj homon el argilo kaj papero. Ankaŭ marionetoj, maskoj, dometoj, mueliloj, grandaj

konstruaĵoj k.t.p., ĉio el papero, argilo, pajlo, aŭ kartono, donas agrablan laboron al la infanoj, kaj per tio ili lernas logike kompreni la formon de la objektoj, kaj la strukturon de la vizaĝo aŭ de la bestkapo. Movante la faritajn objektojn en la spaco, la infano perceptas la perspektivon, kaj lernas desegni la trian dimension de la objektoj.

En sia metodo Rothe ankaŭ pritraktas la evoluadon de la kolorsento de la infano, simplajn presteknikojn por la elementa lernejo kaj la aplikadon de la ornamentaĵo en diversaj teknikoj kaj per diversaj materialoj.

Ni scias, ke ne estas eble, ke la leganto nun, per ĉi tiu artikolo, scias, kiel konduki sian desegna-instruadon sur pli bona vojo. Sed ni esperas, ke niaj vortoj vekis la intereson de kelkaj, kiuj ne estas kontentaj pri la ĝeneralaj metodoj de la desegnado.

Laŭ artikolo de David Ruting en „De Vacature".

La laborkomitato de T.A.G.E. kolektas infandesegnaĵojn el diversaj landoj por ekspozicio. Ni jam ricevis multan materialon, sed petas ankoraŭ pri plua sendado. Precipe el Portugalujo, Norvegujo, Islando, Italujo, Svisujo, Rumanujo. Litovujo, Rusujo, Brazilio kaj Afriko. (Red.)

---

# Tutmonda Junular-Organizo.

La redaktorino de „La Juna Vivo", la monata gazeto por la junularo, iniciatis pasintan jaron kunvenon por infanoj-esperantistoj kun bona sukceso. En aŭgusto de tiu ĉi jaro ŝi aranĝis similan kunvenon en Groet, Nederlando, en kiu partoprenis 200 infanoj el naŭ landoj. La kunveno sukcesis en tia grado, ke la konata esperanto-pioniro Julius Glück nomis ĝin la tria grava okazo en la movado esperantista. La unua estis la apero de la lingvo, la dua, ke la homoj komprenis unu la alian en la unua Kongreso en Bulonjo apud Maro, kaj la tria estas, ke la *infanoj* en Groet, kunvenintaj sufiĉe grand-nombre, kaj el naŭ diversaj landoj, ankaŭ bone komprenis unu la alian. Kaj ili ne nur povis komprenigi sin, sed ili ankaŭ libere parolis kaj ŝercis. Ili havis tiom agrablan semajnon, ke oni decidis fondi Tutmondan Junular-Organizon, kies ĉefa tasko estas aranĝi ĉiujare Internacian Junularkunvenon kaj akceli la enkondukon de Esperanto en la lernejoj.

S.ro H. Schut, instruisto en Koedijk, Nord-Holando, faris filmon pri la kunveno, kiu estas valora propagandilo. Krom la belaj ĉir-kaŭaĵoj de Groet oni vidas sur la filmo la infanaron dum ekskursoj,

dancoj, teatraĵetoj, ktp. La prezentado daŭras 40 minutojn. Kopiojn de la filmo S.ro Schut jam forsendis al kelkaj landoj.

La nova organizo nomiĝas „Tutmonda Junular-Organizo", ĝia organo estas „La Juna Vivo", sekretario estas la desegnisto Floor Meydam, Lingestraat 11, Leerdam, Nederlando.

En aŭgusto de la jaro 1939 la Ĝenerala Kunveno de T. J. O. okazos en la ĉirkaŭaĵo de Brussel. Ĝi daŭras unu semajnon. Okazos dancoj, teatraĵetoj, ekskursoj, k.t.p. La partoprenontoj pagos entute sep guldenojn aŭ egalvaloron.

P. KRYT.

---

# Fine Esperanto en granda filmo!

Pri la kultura kaj pedagogia valoro de la filmo vi certe havas altan ideon. Tre bedaŭrinde estas nur, ke ofte ni rigardas filmon, kies vortojn, ni ne, aŭ tre malbone komprenas. La rimedo? Kompreneble Esperanto!

Ĝis nun nia lingvo estis uzata nur por propagandceloj. Sed nun, fine, tio ŝanĝiĝas. Ĉar la plej grava usona filmfarejo Metro-Goldwyn Mayer uzos Esperanton por la dialogo en granda filmo „Idiot's Delight" (amuzo de Idioto). Ĝi estas turnata de la konata reĝisoro Clarence Brown, kaj nia famkonata samideano Joseph R. Scherer estas la Teknika Konsilanto por la esperantaj aferoj. Ne facilan taskon li havis, serĉante esperantajn aktorojn! 35 venis, asertante ke ili scias la lingvon tre bone. Baldaŭ montriĝis, ke ili estas blufuloj. Kion fari? Lokaj samideanoj ne estas aktoroj! S.ro Scherer nun el la 35 blufuloj elektis tri, kiuj plej bone povis rememori esperantan tekston. Li mem dungis ilin, do li mem nun estas respondeca pri bona elparolado kaj pri glata funkciado. Fakte granda respondeco, ĉar la elektitaj geaktoroj ludos kune kun famkonataj aktoroj kiel Norma Shearer kaj Clark Gable.

Ni deziras plenan sukceson al la laboro de samideano Scherer, kaj al la filmo „Amuzo de Idioto".

---

# El la instruista mondo.

La Internacia Federacio de Geinstruistaj Asocioj (F. I. A. F.) la 27-an de septembro 1938 direktis alvokon al la Asocioj por savi la pacon.

**Anglujo.** La Nacia Geinstruista Asocio donis 100 funtojn por la ĉinaj infanoj, viktimoj de la milito.

Depost 1939 la lernodevo en Anglujo estos plilongigata per unu jaro.

**Aŭstralio.** La Victoria Geinstr. Asocio decidis kolekti monon por la infanoj hispanaj.

**Francujo.** La kongreso de la „Syndicat National des Instituteurs priparolis la problemon, ke en kelkaj regionoj de Francujo la ŝtata (laika) instruado malprogresas pro la privata eklezia (katolika) instruado. La kongreso konstatas, ke la Eklezio konstruas lernejojn, kaj, por plenigi ilin, ĝi devigas la gepatrojn sendi siajn infanojn al ili per rimedoj kiel rifuzo de la absolvo, aŭ de la lasta Sanktoleado. Ne juste estas, ke en la privataj lernejoj instruas instruistoj kun diplomoj, kiuj ne permesas al ili instrui en la ŝtata lernejo.

**Germanujo.** La estontaj instruistoj estas devigataj studi „Mein Kampf" de Hitler kaj „Mythos des 20. Jahrhunderts" de Rosenberg, por ke ili bone povos instrui la ideojn de la naciasocialismo al la infanoj.

Pro la pli granda nombro de naskiĝintoj en 1934 kaj 1935 oni atendas depost 1940 tiom da lernantoj, ke ekzemple en Stettin oni bezonos 55 novajn instruistojn.

(Aŭstrujo). La lernejoj en Vieno ricevis cirkuleron, kiu ordonas forigi el la bibliotekoj i.a.

verkojn de judoj kaj simpatiantoj, ekz. de Montessori, Bühler k.t.p.

verkojn kiuj propagandas ideojn pacifistajn, paneŭropajn k.t.p.

verkojn kiuj malestime parolas de Germanujo, kiel tiuj de Remarque, la fratoj Mann.

En Hamburgo estonte la instruisto havos la rajton de punbatado. Limite, ĉar „li interkonsentos kun la estro, se li volas punbati knabinojn, aŭ plurfoje dum unu tago knabojn.

**Rusujo.** Depost 1927 la instruado faris grandajn progresojn. La nombro de la lernantoj kreskis de 7.458.000 al 20.708.000. La nombro de la instruistoj plimultiĝis per 71.000 en la lasta jaro ĝis 541.000. Ankaŭ la nivelo de la instruado plialtiĝis.

Pri tio la registaro estas kontenta. Sed pri aliaj aferoj ĝi plendas. Por la nova lernjaro mankas 25.000 instruistoj, ankaŭ milionoj da lernolibroj.

Ekzistas tro malmulte da lernejoj. En aŭgusto nur 8 estis finkonstruitaj, de la 376, kiujn oni en 1938 volas konstrui.

Laŭ la registaro tiuj mankoj estas kaŭzitaj de la burokrataj metodoj ĉe la departemento de la instruado. Komisiono estas elektita por ŝanĝi tion.

**Svisujo.** Tre rimarkinda edukinstituto estas la internejo por knaboj en Sankt-Gallen. Ĝi troviĝas en belega kaj saniga regiono, kaj estas organizita kiel lernejaŝtato. La 300 lernantoj el 28 landoj estas kunrespondaj pri la funkciado de ĉio, oni alcelas harmonian kunvivadon kaj reciprokan komprenon. La oficistaro ekzistas el 36 internaj kaj 17 eksteraj instruistoj. La instruado estas forte individua, kaj atentas pri eduko kaj talento de ĉiu lernanto.

I.a. el bulteno de F. I. A. F.

---

# Komuniko de la Redakcio.

La lastaj numeroj de I.P.R. aperas iomete malfrue en la jaro. Ni bedaŭras tion, sed nun jam fiksis datojn por la venonta jaro, nome: 1. la 1-an de februaro, 2. la 1-an de aprilo, 3. la 1-an de junio, 4. la 15-an de julio, 5. la 1-an de oktobro, 6. la 1-an de decembro. Ni faros nian eblon, aperigi I.P.R. ĝustatempe!

---

# Reĝustigo.

Ni atentigas la leganton, ke la prelego Asketismo kaj Eduko en no 5a estis de Prof. J. C. Flugel (*ne* T. C., kion ni pro eraro presis).

---

# Kristnasko 1938.

Ankoraŭ furiozas en Hispanujo kaj en Ĉinujo terura milito. Multajn homojn kaj artoverkojn ĝi detruas je eterne. En la tuta mondo oni priparas sin por nova milito.

Ni estas senpotencaj fini tion, sed tamen ni ne senkuraĝiĝu. Unueco donas fortecon: la tuthomara pacvolo certe alproksimigos la celon.

Ni deziras feliĉajn kristnaskon kaj novjaron al la tuta mondo, kaj precipe al niaj legantoj.

---



## Korespondoficejo

adreso : K. H. SPORTEL.
sekretario de T. A. G. E.
NIEUW-SCHEEMDA (Nederl.)

## Geinstruistoj :

Sro. Chr. Jensen, Maagevej 4II ODENSE (Danlando).
Sro. P. Thomas, 556 West 126 Str. NEW YORK (City) U. S. A.
Sro. H. Klaassens, Zaagmuldersweg 56B GRONINGEN (Nederlando).
Sro. A. Dimitrov, v. OBIDIM Nevrokopa reg. (Bulgarujo).
Sro. Vl. Dimitrov, Raska-Grastizo, KUSTENDILSKO (Bulgarujo).
Sro. Metodi Aleksiev, Piŝtane BREZNIK (Bulgarujo).

## Gelernantoj :

Sro. Eugen Matírkó. KOŜKE-LETNà-30 Ĉeĥoslovakujo.

En CHâLONS-SUR-MARNE (Francujo) petas korespondadon :

1. 40 gelernantoj ,,Gimnazia-Esperanto-grupo'' (gimnazio-mezlernejo-teknika fako) adreso : **Collège Municipal.**
2. 12 lernantoj ,,Esperanto-grupo de la Porinstruista lernejo : Adreso : **„Ecole normale d' instituteurs".**
3. 11 lernantinoj de la sama lernejo.
4. 20 lernantinoj en la fraŭlina supera lernejo, adreso : **Collège Léon Bourgeois.**
5. 25 lernantoj en la Artmetia Porinĝeniera Lernejo. Adreso : **Ecole nationale des Arts et Metiers.**

---

Aliĝu frutempe al la 31a Universala kongreso en Bern. T.A.G.E. aranĝos tie **fakkunvenon.** Komuniku jam nun al ni viajn dezirojn pri tiu kunveno.

ĈU EBLE VI POVOS PRELEGI AŬ PAROLADI PRI IU LERNEJA TEMO ?

Tiam anoncu vin al ni ! !

---